XXX

III Jaro. ★ ~~XXV~~ Num.

★ Junio.—1919 ★

★ ★ MADRIDO ★ ★

# HISPANA ESPERANTISTO

ILUSTRITA REVUO MONATA

Oficiala Organo :-: :-: :- :-: :-: :-: de "Zamenhofa kaj Andaluzia Federacioj,,




S-roj Eugenio Diego (1), José Efren Pedraz (2) kaj A. Tomás Iglesias (3), Fondintoj de la Grupo «Juneco» de *Santander* kaj junaj entuziasmaj pioniroj de ESPERANTO

# Bukedo por la Virgulino

Kiel mi povos trovi la loĝejon?
Kie vi loĝas? Diru al mi, Patrino;
Ĉu vi ne estas la Dinaskintino,
Kaj via glor' plenigas la preĝejon?

Kio kunmetas vian reĝan veston?
Ĉu ne la suno en blua ĉielo
De via korpo estas la mantelo?
Luno ni nomas vian piedveston.

Brila stelaro vian kapon kronas,
La ĉefanĝeloj, vin laŭdante, miras,
Ĉiuj spiritoj vian nomon diras,
Ĉiuj estaĵoj vian tronon konas.

Ĉiuj lilioj kaj ruĝaj diantoj,
Estas la brilo de via vizaĝo;
Via beleco kaj gloregа saĝo,
Estas trovataj en ĉiuj lekantoj.

Kiam la birdoj, je tre frua horo,
Trilojn belegajn kantas en l' aero,
Ŝajnas al mi, ke sur la tuta tero,
Himno resonas al la via gloro.

Ĉu vi ne volas, ke mi estu via?
Ke mi por ĉiam restu al vi sklava?
Ke viajn laŭdojn, kiel potenchava,
Tage kaj nokte kantu buŝo mia?

Do, vian benon per la dekstra mano,
Ho suverana, gloregа Princino,
Sur tiujn florojn verŝu, Virgulino,
Ĉar mi vin amas, kiel *Mariano.*

*Pastro Mariano Mojado.*

---

## ANTAŬEN KUN ENTUZIASMO!

«Ĉiam preĝante kaj kun martelo frapante» estas antikva hispana proverbo, kaj jen, ke niaj Barcelonaj samideanoj praktikas bonege tion kion signifas la proverbo. Inter la barcelonanoj el diversaj grupoj ne estas personaj celoj apartaj, ne estas abomenindaj personaĵoj; abomenindaj mi difinas ilin, ĉar personaĵoj sufokas ĉefan celon, kaj kiuj atentas ilin malatentas ĉefcelon, idealon, kiu ĉiam devas stari sur personoj. Gratulojn, gratulojn, do, al vi Barcelonanoj el «Paco kaj Amo», «Nova Sento» kaj ceteraj!

La 6-an de la ĵus forkurinta Majo, «Nova Sento» malfermis novajn kursojn esperantajn, kiujn gvidas S-roj J. Claramunt, J. Compte kaj J. Bolós kaj estas esperinda la plej bona sukceso el ilia lerteco, kaj jam konstatas ke tio okazos la kvardek novaj lernantoj baldaŭ entuziasmaj esperantistoj, kaj la sukceso multobliĝos ĉar kiel oni povas rimarki la kursoj estas tre gravaj.

---

# EL LA LABORAĴOJ DE LA KUNVENO DE LA ESPERANTISTOJ DE PARIS KAJ DE LA REGIONO

## LA 12.an DE JANUARO LASTA

S-ro Prof. Aymonier legas eltiraĵon jenan el la parolado de Prezidanto Wilson al la laboristoj en Manchester (30-an de Decembro, 1918) kaj paĝon el «Esperanto Monthly, kiujn li poste komentarias aldonante rimarketojn venintajn al li dum la legado.

Pri la maŝinaro de amikeco, el parolado de Prez Wilson:

«Amikeco devas posedi maŝinaron, ĉar se mi ne povas korespondi kun vi, se mi ne povas lerni vian penson, se mi ne povas kunagadi kun vi, mi ne povas esti via amiko, kaj se la mondo restos aro da amikoj, ĝi devos posedi la rimedon por amikeco, la rimedon por konstanta vigligo de la komuna intereso; por ke ne estu necese fari grandan penon por kuniĝi ĉe iu grava okazo, sed ke oni havu facilan kaj konstantan metodon de konferenco, por ke malkonsentoj povu esti pritraktataj kiam ili estas malgravaj, kaj ke oni ne ebligu ilian kreskadon ĝis ili fariĝu grandaj. Mi neniam sentis ke mi havas gravan malkonsenton kun viro,

ne trovinte, post kiam mi pridiskutis kun li, ke post ĉio, ĝi estis malgrava malkonsento, kaj ke se ni estus sincera unu kun la alia, kaj ni ne tro fidus al tiu granda malamiko de la homaro, la Fiero, ni povus kuniĝi.»

La ideo entenata en tiu ĉi eltiraĵo montras, ke la Prezidanto estas tute matura por fariĝi Esperantisto, ĉar kiam oni komprenas la neceson interkompreni unu la alian, oni ne povas neakcepti la ideon pri lingvo internacia. (Koment. de S-ro Page.)

Zamenhof-Tago (15-a de Decembro, 1918).

«Longe daŭros ankoraŭ malluma nokto sur la tero, sed ne eterne ĝi daŭros. Venos iam la tempoj kiam la homoj ĉesos esti lupoj unuj kontraŭ aliaj. Anstataŭ konstante batali inter si, elŝiri la patrujon unuj de la aliaj, perforte altrudi al si reciproke siajn lingvojn kaj morojn, ili vivos inter si pace kaj frate, en plena interkonsento ili laboros sur la tero, sur kiu ili vivas, kaj kontraŭ tiuj krudaj fortoj de la naturo, kiuj ilin ĉiuj egale atakas. Kaj kune, kaj interkonsente, ili celados ĉiuj al unu vero, al unu feliĉo. Kaj se iam venos tiu feliĉa tempo, ĝi estos la frukto de konstanta kaj senlaca laborado de tiuj homoj... kies nomo, ankoraŭ tre malmulte konata kaj tre malmulte ŝatata estas ESPERANTISTOJ.»

Ĉi tiuj vortoj, elparolitaj de nia Majstro en Londona Gildhalo en 1907, resonis en niaj oreloj, kiam en la II.ª de Novembro ni paŝis en la vestiblon de la nova paca epoko. Dum kvar teruraj jaroj, ni marŝis laŭ sanga vojo. Ĉe la tondrado de la milito, nia afero skuiĝis, multe da niaj plej viglaj samideanoj falis sur la batalkampo—inter ili, Mudie, Bayol, Rousseau, Boirac (filo), Meier, Briscoe, Shanks, Alexander Zamenhof, Cape-Montrosier, Drummond, Coole—(ni emocie rememoras la karajn nomojn), forpasis kelkaj el niaj pioniroj: Boirac, Moscheles, Bicknell, Hoveler, kaj Zamenhof mem; sed nia kara Esperanto ne mortis.

«Obstine ĝi paŝas, provita, hardita, Al cel' unu fojon signita.»

Mortintoj, ni ne forgesos vian laboron. En ĉi tiu Zamenhofa tago ni ĵuras al vi, ke vi ne vane oferis vian vivon. «Ni serĉos pacon kaj ĉasos ĝin», la pacon kiun vi aĉetis por ni per via sango. En ĉi tiu Zamenhofa Tago, via ekzemplo inspiros nin.

En ĉi tiu Zamenhofa Tago ni solene redediĉas nin al celo, kiun vi noble signis al ni:

Ni ĵuris labori, ni ĵuris batali,
Por reunigi l' homaron...
Ni inter popoloj la murojn detruos,
Kaj ili ekkrakos, kaj ili ekbruos,
Kaj falos por ĉiam, kaj amo kaj vero.
Ekregos sur tero.

(El «Esperanto Monthly», n-ro 72, Dec. 1918.)

Ĉu tiuj vortoj ne estas tute aktualecaj? La vortoj de Prezidanto Wilson kiam li alparolis la laboristojn en Manchester, la vortoj de nia Majstro, kiam li alparolis la kunvenintojn ĉe la paca manifestado en Gildhalo, kaj ankaŭ la vortoj de niaj britaj samideanoj, kiam ili alparolas niajn mortintojn. Ĉu ni devas energie daŭrigi efektive nian propagandon por internacia lingvo?

Tiom la internacia lingvo estas necesa al la regula, facila funkciado de la Societo de Nacioj, ke ĝi estas unu el la plej utilaj iloj de la maŝinaro aludita. Mi spertis tion kaj multaj aliaj ankaŭ, antaŭ kelkaj tagoj dum la kunveno en la Sorbono, kiam la Universitato solene oferis al Prezidanto Wilson la titolon de D-ro «honoris causa».

Tre impona, grandioza estis tiu soleno. Tie kunsidis ĉiuj eminentuloj, plej famaj en la sciencoj, artoj kaj literaturo... Kiam S-ro Wilson estis aŭdinta, ĉu oni devas diri ankaŭ «kompreninta» la parolojn francajn de la fakultatestroj, li ekstaris por respondi. Sammomente la tri mil ĉeestantoj stariĝis unumove por honori la Prezidanton kaj plej religie aŭskulti la atenditan parolon. Silento impresiga regis kaj S-ro Wilson parolis... angle! Kiom malmultaj komprenis. Vane S-ro Wilson per la gesto, per la rigardo, per sia tuta korpo, por tiel diri, penis doni al la penso pli da klareco, pli da energio, penetrigi la konvinkon... Ĉe la gravaj maljunuloj

starantaj apud li, ho ve!, laŭ la esprimo sensignifa de la vizaĝoj, laŭ la kliniĝo mallerta de la kapo, antaŭ la parolanto, oni tro vidis ke preskaŭ neniu komprenis kaj tamen ŝajnigis ke li komprenas, aŭ ne konsentas konfesi ke li ne komprenas... Doloriga vidado kaj eĉ iom ridinda... Tamen la ideoj de S-ro Wilson estis tre facile kompreneblaj, tre ĝeneralaj. Kiom da aplaŭdoj tondraj ricevus tiu frazo, se ĝi estus komprenita de ĉiuj: «Nova sento blovis tra la mondo, kiu kontraŭstaros estos balaita!» Sed tiu blovo ne pasis super la aŭdantaro...

(Poste S-ro Aymonier rimarkigis la samtempecon de la kunveno kaj de la unua kunsido de la Konferenco pri la Paco.)

Certe la penso de Zamenhof samtempe estos tie ĉi, meze de liaj disciploj kaj ankaŭ en la salono, kie estas starigitaj la fundamentoj de la paco. «Sankta estos por ni la hodiaŭa tago. Modesta estas nia kunveno, la mondo ekstera ne multe scias pri ĝi, kaj la vortoj kiuj estas parolataj en nia kunveno ne flugos telegrafe al ĉiuj urboj kaj urbetoj de la mondo; ne kunvenis regnestroj nek ministroj por sanĝi la politikan karton de la mondo, ne brilas luksaj vestoj kaj multego da imponantaj ordenoj en nia salono, ne bruas pafilegoj ĉirkaŭ la modesta domo en kiu ni troviĝas; sed tra la aero de nia salono flugas misteraj sonoj, sonoj mallaŭtaj, neaŭdeblaj per la oreloj sed senteblaj por ĉiu animo sentema: ĝi estas la sonoj de io granda, kio nun naskiĝas. Tra la aero flugas misteraj fantomoj, la okuloj ilin ne vidas, sed la animo ilin sentas; ili estas imagoj de tempo estonta, de tempo tute nova. La fantomoj flugos en la mondon, korpiĝos kaj potenciĝos kaj niaj filoj kaj nepoj ilin vidos, ilin sentos kaj ĝuos.» (El parolado de D-ro Zamenhof, ĉe la Kongreso en Boulogne.)

Post la uragano ŝajnas ke lumo brilas en la purigita ĉielo. El Ameriko ekblovis vento sereniga. Zamenhof iris iam porti tien novan senton. Ĉu oni forgesis tiun noblan saluton, kiun li faris al la lando de libereco: «Saluton al vi, Usono! Ne ia espero de la komerca akiro pelis nin al via bordo, enŝipigis nin! Ni venis al vi por alporti al vi novan senton kaj novan ideon!»

Ĉu ne estas emociiga la dialogo poezia aŭ proza inter Wilson kaj Zamenhof? Ĉu vi ne aŭdas la grandaniman batalanton por justeco dirantan... «Ni aŭdis vian alvokon, nia vice ni alportas novan senton... Same kiel alvenante Parizon ni iras tuj al la tombo de nia kunbatalinto por sendependeco Lafayette, kaj ni ripetas unuvoĉe: «Lafayette, jen ni estas!» same al vi glora kaj modesta apostolo de idealo ni krias: «Zamenhof, jen ni estas!»

(El *France-Esperanto* N-ro 21.ª Januaro-Februaro.)

Jes, «post la uragano, lumo brilas», nia kvinpinta verda stelo elradiigas pacon kaj amon, lumigante horizontojn de feliĉo por la Homaro. Antaŭen obstinege, Esperantistoj!; estu nia konstanta batalkrio «Zamenhof, jen ni estas!»

---

# III.ª Kongreso de Andaluzia Esperantista Federacio

Dimanĉe la 27-an de Aprilo en la granda festosalono de la societo «Amikoj de la Lando» en Sevillo, kunvenis Andaluziaj samideanoj por soleni la trian regionan kongreson.

Antaŭ la festeno la loka esperantista grupo regalis la kongresanojn per honora lunĉo. Kiel kutime ne mankis gajaj vizaĝoj kaj inter la tostoj oni povis aŭdi: «Je la sano de la federacianoj», Ke vivu longan tempon nia prezidanto», «Esperanto super ĉiuj lingvoj», k. t. p. Estas kompreneble, ke niaj ĉarmoplenaj Esperantistinoj estis la ornamo de tiu soleno.

Ĉirkaŭ la prezidantara tablo estis: S-roj T. Soriano, prezidanto de la federacio; J. Machuca, vicprezidanto; K. Martínez, se-



III.ª KONGRESO DE ANDALUZIA ESPERANTA FEDERACIO

kretario; Serrano Olmo, P. Naranjo kaj fraŭlinoj C. Santaolalla kaj R. Pérez.

Je la dekunua horo moderna (kiu estas la deka antikva) la prezidanto S-ro T. Soriano malfermis per esperanta parolado la kongreson. Poste la sekretario S-ro K. Martínez legis belstile redaktitan jarraporton, el kiu oni povis vidi la kreskadon de la federacio kaj la agemon de niaj komitatanoj. Per longedaŭra aplaŭdado oni aprobis ĝin. Tuj poste li legis salutleterojn el ĉiuj flankoj inter kiuj estas rimarkinda unu kiu venis el Finlando, kiu certe mirakle trovis la vojon al Sevillo. Oni bedaŭris la strikon de telegrafistoj, kiu malebligis la alvenon de multaj telegramoj atenditaj dum tiu tago.

S-ro Serrano Olmo salutante la gekongresanojn, parolis pri la vivo de esperantista grupo en Cordobo kaj rimarkis, ke estas malfacile, fari la proksiman kongreson de la Andaluzia federacio en Cordobo pro multaj gravaj malhelpaĵoj kaj li rekomendis ke ĝi reefektiviĝu en Sevillo kaj samtempe li proponis fari la kongreson eventuale ĉiudujare. Oni aplaŭdis multe lian elokventan paroladon.

Nia entuziasmega samideano S-ro A. Castro salutis la ĉeestantojn kaj parolis pri la neceseco de ĉiama propagando. Li opinias ke la komitato devus resti ĉiam en Sevillo kaj ankaŭ la kongreso, devus ĉiam okazi en la sama urbo. Lia tondra voĉo estis rekompencita per tondra aplaŭdado kaj ni povas rimarki, ke li apartenas en la vicon de aktivaj neniam lacigeblaj batalantoj por nia kara lingvo kaj ni gratulas nin havante inter ni tian fervorulon.

S-ro Iznardo per sia serioza kaj trankvila voĉo esprimas sian konsenton kun la vortoj de S-ro A. Castro kaj proponas, ke oni ne faru la kongreson dum la foiro pro la multekosto de la loĝejoj kaj opinias ke en alia tempo oni povus fari pli da propagando por esperanto, ĉar dum la foiro ĉies okuloj estas direktitaj sole al la distraĵoj de foiro. Plue li petas, ke oni aprobu kaj reelektu la saman komitaton kaj donu al tiu ĉi plenan konfidon. Per brua aplaŭdado oni aprobis unuanime lian proponon. S-ro Soriano rimarkas ke tiu ĉi federacio havas dum la kongreso rajton eĉ ŝanĝi la regularon se oni trovos ĝin konvena.

S-ro R. Fiol, reprezentanto de Afrika esperantistaro, opinias, ke estus pli bone fari la kongreson en Cordobo sed pro la malhepaĵoj elmontritaj de S-ro Serrano Olmo li vidas necesecon apogi la ideon ke oni faru la proksiman kongreson en Sevillo kaj ke ĝi okazu ĉiujare.

S-ro Babilulo el Bohemio, kiel fremdulo esprimas sian opinion dirante, ke la kongreso devus okazi ĉiujare kaj pri la tempo kaj loko decidu la komitato kiu devus konsiliĝi kun la eksterurbaj federacianoj pri la plejoportuna tempo por ili. Plue li proponas fini baldaŭ la diskutadon, ĉar ĉiuj ideoj laŭ la tagordo estis jam pridiskutitaj, kaj ke oni iru fotografi sin kune en la biblioteko.

S-ro P. Naranjo salutas en la nomo de de Esperantista Grupo en Jerez kaj petas, ke oni donu al la komitato plenan povon por decidi kaj organizi la proksiman kongreson laŭ sia bontrovo. S-ro Iznardo kaj S-ro Serrano Olmo apogas lian ideon kiun la ĉeestantoj per longa aplaŭdado aprobas.

La kongreso estis per tio ĉi fermita kaj oni vidas, ke la Zamenhofa lingvo vivas kaj kreskas kaj ankaŭ la entuziasmo estas ĉiam pli granda. Oni esperas, ke la malfeliĉa epoko de milito ne revenos plu kaj, ke nun post la milito, Esperanto disvastiĝos pli rapide. La kongresanoj estis poste fotografitaj kaj oni ne forgesis kanti nian esperantan himnon kaj la belkorpaj samideaninoj gajigis nin per siaj artplenaj Andaluziaj popoldancoj.

*V. Cimr.*

---

Ni recevis dektrian numeron de la grava revuo ibero-amerikano «Vida y Ciencia» (Vivo kaj Scienco) eldonita de la D-ro Puelles de *Sevilla*. La teksto estas tre interesa ilustrita per nombraj gravuraĵoj. Ĉi tiu revuo estas abononinda.



EL GALERIO DE LA DOMO DE PILATOS (SEVILLA)

# ADIAŬO AL LA VIVO

(Abschied von Leben)

La vundo brulas, la palaj lipoj tremas.
Mi sentas ĝin ĉe lacega bat' de kor',
Jen mi troviĝas en lastaj vivotagoj!
Laŭ Dio volos. Alvenis lasta hor'.
El oro bildojn mi vidis min ĉirkaŭe;
La revobildoj fariĝas morta plend'.
Kuraĝon! Kion mi portas en l' animo
Eterne vivos, kun mi jam sen depend'.
Kaj kion kredis ĉi tie mi sankteco
Pro ĝi ekbrulis, ĉar juna estis mi,
Jen nomis amo, jen mi ĝin libereco:
Flugpendas kiel serafo luma ĝi;
Sed kiam sentoj pereas ne rapidas,
Matenoruĝajn la altojn spir' min gvidas.

El germana originalo de T. Koerner
tradukis:
*Felikso Díez*

---

# JARFOIRO EN SEVILLA

Ĉiu amanto de belajoj, de naciaj festoj, devus almenaŭ unufoje vidi tiun ĉi faman feston. Ĝi ne estas simpla foiro, ne, kontraŭe ĝi estas unu el la plej belaj naciaj festoj.

Mi devus krei tutan vortaron da belaj vortoj por priskribi tiun ĉi feston en Andaluzia regiono tiel ŝatatan. Dum kvar plenaj tagoj oni forgesas ĉiujn malagrablajojn kaj malĝojojn de la ĉiutaga vivo kaj profitas la okazon por gajiĝi kaj distriĝi en tiu ĉi florabunda kolorriĉa foirejo. Ĉiu, kiu havas du piedojn kaj eĉ la senpieduloj devas viziti la foiron kaj vidi la belornamitajn foirbudetojn.

La gajeco kaj ĝojo estas ĝeneralaj. La infanoj avide rigardas la budetojn kun ludiloj kaj dolĉajoj; junuloj kaj junulinoj venas ĉi tien en siaj belaj kostumoj por danci kaj kanti, kiu ankoraŭ ne havas aŭ perdis sian flanĉon aŭ flanĉinon certe trovos dum tiu ĉi bela festo sian idealon. La gepatroj venas por ĝojiĝi kun la infanoj kaj la geavoj venas por observi la svarme moviĝantan amason da vizitantoj kaj por revi pri la pasintaj belaj tempoj kiam ili estis junaj, kiam ili dancis kaj kantis, kiam ili serĉis flanĉinon aŭ flanĉon. Riĉulo kaj malriĉulo, urbano kaj vilaĝano, ĉiuj venas ĉi tien kun la festotaga mieno, por pace pasigi iom da tempo en tiu ĉi gaja tumulto, forgesante ĉiujn malpacojn kaj amuziĝante senĝene, ĉiu laŭ sia plaĉo kaj deziro, ĉar vere ĉi tie mankas amuzajoj por neniu.

Sed nin interesas precipe la esperanta budeto kien ni eniros por ĝui duoble pro esperanto kaj pro la foiro. Jam de ekstere ni vidas belajn kaj arte dislokitajn ornamajojn ŝuldatajn al niaj spertaj samideanoj J. Machuca kaj J. Carrera. Ili ambaŭ meritas niajn laŭdojn.

Jen la esperanta paradizo, sed ho ve! ĝi estas tiel plenega, ke mi ne povas eniri, ne profitante la malpermesitan antaŭenpuŝiĝon per kubutpuŝado kaj piedsurpaŝado.

La budeto estas sufiĉe ampleksa sed ĝi estas plena, plenega. Kiu savos min? De la interno iu vokas min dirante, ke mi enflugu per aeroplano, super la kapoj de la dense kunpremitaj ĉeestantoj.

Por povi eniri mi devis elpensi ian pretekston trompante tiel la gajajn rigardantojn. vitante mi atingis la centron, kie mi preskaŭ ŝtoniĝis vidante niajn gajajn esperantistinojn tiel ĉarmajn kaj belajn, ke mi ne trovas vortojn por esprimi mian admiron. Jen nia sekretariino F-ino Santaolalla, F-inoj Alcaide, Baturones, Pérez kaj aliaj belulinoj kies nomojn mi ne memoras, aliflanke estas tie S-roj Soriano, Machuca, Martínez Valle; Carrera, Fiol, Alonso kaj multaj aliaj, preskaŭ ĉiuj dancas. Mi bedaŭras, ke mi havas ambaŭ piedojn maldekstrajn kaj tial mi ne povas danci.

Kredu al mi karaj legantinoj ke kvankam mi estas kontenta, ke mi naskiĝis viro, mi volus esti tiujn kvar tagojn virino; ĉu vi scias kial? Ĉar plaĉas al mi multege la belegaj

multkolore broditaj mantonoj kaj la punt-mantiloj metitaj sur la altaj kombiloj, kiuj donas al ĉiu fraŭlino aspekton de reĝino. Kiam nia dia patro kreis la virinon li donis al ŝi du aferojn, la belecon kaj specialan kapablecon por elpensi tiom da belaj kaj artaj objektoj kaj vestaĵoj por ornami kaj plibeligi sin.

Se mi estus virino dum tiuj kvar tagoj mi aĉetus la plej belajn vestaĵojn kaj ornamaĵojn por vesti min per ili, kaj mi timus neniun, escepte alian belulinon kiu havus pli belajn ornamaĵojn ol mi.

Tamen mi konformiĝas je mia sorto kaj mi estas feliĉa povante admiri kaj adori (sekrete) ĉiujn belulinojn en tiu ĉi tera paradizo. Ĉiu viro kiu havas koron devas dum tiu ĉi festeno nepre enamiĝi.

Oni rakontis al mi ion pri la skolt-knaboj (boy scaut) esperantistoj el San Fernando, kiuj venis kun S-ro Garzon Ruiz kaj kiujn la esperantista grupo regalis per trinkaĵoj kaj iaj bongustaj manĝaĵoj. Mi bedaŭras ke mi ne povis vidi ilin.

Sed ho ve! ĉio havas sian finon en tiu ĉi mondo kaj ankaŭ la foiro en Sevilla. Tamen mi devas diri al la legantoj kaj milfoje ripeti ke la Sevilja jarfoiro estas bela, belega, agrabla, gaja kaj neforgesebla kaj kiu ne kredas al mi, venu en Seviljon kaj konvinkiĝu mem, ĝi estas vera paradizo kaj malfeliĉe ke ĝi daŭras nur kvar tagojn.

*V. Cirm.*



KORTO DE LA DOMO DE PILATOS (SEVILLA)

# ĈU ĜI ESTIS SONĜO?

Kvazaŭ translokigita de nekonataj fortoj, mi min sentis transportata al eteraj regionoj, kvazaŭ flugante, ĉiam flugante. Mistera vojaĝado sen celo difinita!

Kia surprizanta, stranga kaj imponanta spektaklo prezentiĝis antaŭ miaj eksterordinare malfermataj okuloj suben!

La planedo Tero, vivloko de sennombraj estaĵospecoj kaj homloĝejo, transformiĝis, ne estis la antaŭa, neeble; io anstataŭis ĝin. Ĝi ŝajnis vastega vulkano dum plena erupcio, kies multenombraj krateroj vomis senĉese fajron kaj grandegajn fumnubegojn densajn, leviĝantajn ĉielen, adaptantajn tra la spaco terurajn formojn kvazaŭ inferaj dancantoj. Nur oni spiradis pulvofumon kaj ĉio sangodoris. La antaŭaj kulturitaj kampoj malaperis: anstataŭ ordinaraj sulkoj, ĉio estis terure dismovita kaj intermiksitaj la ŝtonoj kaj tero kun dispecigitaj homoj kaj ĉeval-membroj, en amasa konfuzaĵo pleniganta la kavaĵojn.

Neniom restis el la belaj kaj ĉarmaj arbaroj krom nigrigitaj trunkoj kun branĉoj de iuj grandegaj arboj kvazaŭ skeletegoj levantaj siajn brankojn ĉielen, petegantaj venĝon. La riveroj ŝanĝis siajn fluejojn kaj elbordiĝis la akvo koloriĝinta ruĝsange. Urboj kaj vilaĝoj estis nur ruinamasoj; nenio rememorigis la vivon; nur detruon vidiĝis. Malproksimen oni vidis grandajn estaĵamasojn, verŝajne el homoj, sin ĵetantaj unu en alian kaj dispecigantaj sin reciproke kaj senkompate; milojn da buŝoj vomantaj freneze ŝajne stelojn forblovantajn, laŭ konfuza amasaĵo terura, homojn, bestojn, vegetaĵojn kaj konstruaĵojn, je la momento de ilia ektuŝego sur la tersupraĵo. Teruriĝita de tiu kruela vizio mi min demandis: «ĉu estas eble tiom da detruo, tiom da ruino?»

—Jes—respondis al mi nekonata voĉo—. Tio, kio terurigas vin, estas la milito.

—Terura kaj abomeninda!

—La civilizita homo tiel agas.

Mirigita, mi demandis al nevideblulo: «Kial ili batalas kaj buĉadas sin reciproke?»

—Ĉar ilia patrujo, religio kaj lingvoj estas malsamaj; tamen ili asertas defendi Liberecon, Justecon, Egalecon, ĉiajn honorajtojn...

—Kia sarkasmo!!! Ĉu estas eble defendi tiujn idealojn malleberigante, detruante kaj mortigante? Ne, ne. La kaŭzoj estas aliaj. Estas necese ke ni semu, por neniigi tiajn malbonajn, ideojn de kunfratiĝo inter la homoj, tiel estus eble malaperigi tiom da eraroj, kaj malbenante la sovaĝan spektaklon militan «fari en konsento unu solan grandan familiŏn», starigante la bazon de nova homaro...

La rava celo de tiu ĉarmanta ideo reirigis min al reala vivo, kaj tiam mi vidis, pli ol iam, ke ni, la esperantistoj, estas kiuj posedas la plej gravan, simpatian kaj bonan rimedon por atingi idealon de paco kaj amo.

Ĉu ĝi estis sonĝo? Ĉu ne?

*Francisko Piñol*

Barcelona I Majo 1919.

---

# ĈU VI KONAS MIN?

Mi estas la princo de ĉiuj gajaĵoj, la kamarado de ĉiu malvirta plezuro, la anĝelo de la morto, la reĝo reganta la mondon. Mi estas ĉe ĉiuj festoj kaj nenia kunveno okazas sen mi. Mi preparas la fornikojn, mi naskigas ĉe la koroj la krimajn pensojn, mi makulas la hejmojn, mi estas la patro de la senpatraj filoj, mi venenigas la rason kaj venigas malnoblecon, malvirton, frenezecon, memmortigojn, kaj malplej imageblajn krimojn. Mi finigas la familiojn, persekutas la avon ĉe la nepoj, perdigas la honton, la noblecon la ĝentilecon la honoron. Mi vualas la okulojn kaj la konsciencon, kaj ŝajnigas krimon je venĝo, malvirtaĵon je amuzo, adulton je ama venko. Mi gajnis pli batalojn ol Aleksandro, almilitis pli popolojn ol Romo, forrabis pli urbojn ol Atilo! Mi igas ke edzoj ridu je malfidelaĵoj

de malpropra edzino kaj, tiel, laboru idiote kontraŭ fideleco de la propra. Pro mi junuloj kaj maljunuloj mokas moralon per epigramoj. Mi balotigas deputatoj, por ke ili faru leĝojn kiuj plivastigu mian reĝlandon, kiu estas la tuta terglobo. Mi klopodas por ke la tuta mondo estu hospitalo, frenezulejo, cirko kie la tuta homaro estu tigroj, azenoj, porkoj, falkoj kaj vulturoj. Mi deziras sangverŝon, detruon, ruinon, malmoralecon, malamon, militon, malesperon kaj blasfemon. Mi naskas en ĉiuj landoj. Mi konas la malvarmon de Laplando kaj Siberio, la varmon de Egiptujo kaj Italujo. Mi devenas el tritiko, el rizo, el maizo, el hordeo, el vinbero, el ĉevalinlakto. Mia patrujo estas la Tero; miaj sklavoj, la homoj; kiu min sendas, la Princo de l' Malbono. Mi ja scias ke vi konas min, sed vi ne volas min nomi, tial ankoraŭ vi havas la honton de la nomoj, perdinte la honton de la agoj. Mi ankaŭ estas via reĝo.

Mi estas... ALKOHOLO.

*Catulo Mendes*

(Folio de propagando de la Antialkohola Ligo de Arequipo, Peruo)

(Trad. *F. R.*)

---

# La memoro, la penso KAJ LA Edukado de la Karaktero

Estas bela kaj laŭdinda la artikolo de S-ro Wenceslao Cimr aperinta sur aprila numero pri «La edukado de la Karaktero»; tial mi kredas ke la legantoj de nia kara HISPANA ESPERANTISTO ĝuis ĝin kiel mi mem ankaŭ.

Li diras kaj estas prava «ke la karaktero de la homoj kiuj ekscitiĝas kaj malpacienciĝas pro bagateloj, ne sciante kiel sin regi, estas kvazaŭ infekta malsano, kiu infektas ĉiun kiu kontaktiĝas kun ili».

Tiu malbona humoro povas esti kaŭzata pro malsano; se tiel, estas afero de la kuracisto kontraŭstari ĝin, sed kiam la persono estas sana, la plej bona kuracilo estas fari gimnastikon ĉiutage kvankam ĝi estu sesdekjara, sed tiu gimnastiko laŭ scienca metodo kaj neniam hazarde. Pro tio ne estas necese fari grandajn fortojn aŭ levi grandajn pezajojn: la moderna gimnastiko tion ne ŝatas.

Sed mi iras al mia celo, kiu estas la rilatoj inter la volo kaj la regado de la penso. S ro Cimr diras ke «oni edukas la karakteron per forta volo, kaj tiun ĉi oni plifortigas per agado; ke la volo kaj la penso estas du nedisigeblaj amikoj kaj ke la unua paŝo al la regado de la pensoj estos koncentriĝo aŭ haltigo de la penso».

Jes, li estas prava, ĉio estas vero, sed malgraŭ tio, ne estas eble pensi sen memoro; se ni do plifortigas sufiĉe ĉi tiun, ni estos kapabligataj deteni nian penson eĉ meze de bruo.

Tio, kion S-ro Cimr difinas kiel koncentriĝon aŭ haltigon de la penso, estas kapableco por pensado pri iu afero malpermesante ke la penso flugu al alia afero, kaj se nia memoro ne estas konvene fortigita nia penso flirtas kaj flirtas tiamaniere, ke ne povante regi ĝin ĝi finas malaperante spite nia volo.

Nu, se la fundamento de la karaktero estas la volo; tiu de la volo, la penso; kaj tiu de la penso, la memoro, ni devas konvene prilabori tiun ĉi. Sed, ĉu estas ia pero por atingi fortan memoron? Sen dube ĝi ekzistas. Estas ĝi meĥanika maniero por ĉenigi la ideojn tiamaniere inter ili, ke persono kiu naskiĝis kun malbona memoro povas post nelonga ekzercado preni nomaron da cento diferentaj vortoj kaj post unu sola lego ripeti ilin ĝiaorde ne forgesinte eĉ unun, kaj poste ripeti ilin malsupre-supren.

Kompreneble tiu meĥanika memoro ne taŭgas por nia celo, ĉar oni facile forgesas la peron, almenaŭ ke oni praktiku ĝin ofte. Ni, do, devas preni manieron taŭgan por gimnastikigi nian memoron plifortigante

ĝin tiel ĝis nekredeblá grado. Por ĉi tion atingi, ni devas komenci per la edukado de la okuloj, prenante simplan objekton, t. e. objekton sen multaj detaloj, rigardante ĝin iaorde nur dum sekundoj, kaj poste, malferminte la okulojn memori ĝian formon, koloron, striojn k. c. Kiam jam ni kredas esti memorinta ĉion, ni malfermos la okulojn, rigardos de nove la objekton kaj inspekti ĉu ni forgesis ion. Dum la unua semajno, ni ne devas ripeti la ekzercon pli ol kvar fojojn ĉiutage, ĉiufoje kun aparta objekto.

Kelkajn semajnojn poste, kiam ni jam estas sufiĉe lertaj, ni faros la ekzercon kun pli komplika objekto dum sama tempo, ĉar se ni rigardadus pli da tempo ni praktikus okservadon kaj ne memoron, kaj ni celas eduki la lastan per la okuloj tiamaniere ke kiam momenton ni vidos ion, ĝi restos sur niaj okuloj kvazaŭ fotografaĵo. Sammaniere ni dum aliaj semajnoj povas daŭrigi la ekzercon kun plej malsimplaj objektoj, kun personoj, meze la strato, meze la kamparo devigante la memoron por eĉ scenoj de la vivo, okazintaĵoj, k. c. Ni faros la ekzercojn je la komenco sidante komforte for de la bruo, kaj neniam kiam ni estas lacaj, sentas kapdoloron kaj dum digestado.

Kiam ni jam estas sufiĉe fortaj kaj lertaj por tio, ni devas fari pli gravan ekzercon; ekzemple: promenante, ni observas la pejzaĝon laŭ ni marŝas kaj reveninte hejmen ni devigas la memoron por ke ĝi prezentu al ni la pejzaĝon kvazaŭ sur filmo ferminte la okulojn aŭ ne, for aŭ meze la bruo, memorante de la fino en la komencon kaj de komenco en la finon. Same ni povas fari pri tuta ĉiutaga vivo.

Fine mi devas averti al tiuj ne posedas kutimon pensi, kaj eĉ al tiuj kiuj erare kredas scii kiel pensi, ke la supredirita tasko ne estas tiel facila kiel unuavide ŝajnas, sed kelkajn semajnojn sufiĉas por konstati la kapablecon akiritan por regi la penson konstante. Mi konsilas ne akceli la ekzercojn kaj forĵeti supozon pri lerteco; estu paciencemaj kaj ne ŝparu semajnojn por la praktikado de ekzercoj.

Ĉiu kapabla regi sian penson estas mastro de si mem.

Ĉu mi devas rimarkigi la utilojn kiujn oni povas ricevi atinginte tian kapablecon kiam oni celas kian ajn afero en kiun oni direktas la volon?

Parolante ĝenerale pri la ekzercoj ne forgesu ke kiam dum la praktikado la penso iras aliflanken oni devos revenigi ĝin al la celo difinita milde ĉar mildeco estas nepra kondiĉo por sukcesi.

Por rememori detalojn de la ĉiutaga vivo, izolitan aferon, ekzemple: sendi leteron je la morgaŭa mateno, k. t. p.; oni devas haltigi la penson kaj kunligi tiun estontan memoraĵon kun tio kion oni faros je la difinita horo kiam ni deziras enpoŝtigi la leteron, sed nur dum malmulte da tempo kaj alveninte la horo ni konstatos kiel perfekte ni memoras ĉion. Ĉu je la komenco oni ne sukcesas, oni ne devas malesperi ĉar certe okazis ke ni ne faris bone la kunlegadon de la pensoj, kaj nepre necese estas daŭrigi la ekzercon ĝis atingi sukceson certan.

Nun, revenante al la karakteredukado, kiam ni prilaboru nian kontentecon, ni devas esti tre viglaj por ne fali en ŝercanta aŭ mokanta animstato, ĉar estas personoj ĉiam ŝercantaj aŭ mokantaj senintence, neatentante eĉ sen rido, pri la plej gravaj aferoj siaj: ĉi tio estas kvazaŭ aŭtosugestio certe tre danĝera. Ni, do, devas eviti fali en ekstremon; ni devas esti kontentaj interne, sed trankvilaj, serenaj, nur oportune ŝercemaj kaj ĉiam memregantaj.

Fine por lerni pensi korekte, estas tre utila legi «La Kriterio» (hispane verkita) de nia fama Balmes.

*Johano Ros Sudriá*

---

Bonvolu sendi kiel eble plej baldaŭ kotizaĵojn por ĉi tiu jaro.

# Al mia amikino Elsa

Promesi kaj plenumi. Ne supozu ian privatan intereson, en la intenco kaj, malpli ankoraŭ, inter tiuj ĉi linioj sen literatura ornamo kaj konvinka retoriko. Nenio el tio, kion oni nomas fanfaronemo kaj vanteco kaj kelkfoje eksceso de modesteco. Ne, ne. Ĉio sincereco kaj sentpureco. Kio pli bela kaj serioza ol•sincereco, sinonimo de Naturo?

Sen ia dubo, vi demandos vin kio povas pravigi tiun ĉi prezenton, tiun ĉi ekparoladon. Io aŭ nenio, amikino.

.Kio min instigis estas simpla afero: via psikologio. Ĉar viaj karakterizoj eksperimentitaj dum mallongaj minutoj de unu tago de agrabla kaj certe profita interparolado, ekmontris al mi tion kion mi malkaŝe diros.

Malgraŭ via ŝajna nepriokupeco dum tiuj momentoj, mi rimarkis, en vi, certan ekvideblan priokupecon, tiun aferon rutinan en la ibera virino.

Kaj, kial la ĉi tiea virino, virino de la XX.ª jarcento, devas respekti tiun aferon, kiel nedisiĝan parton de sia homo?

Elserĉu en la nesondebla nekonataĵo kaj vi ne trovos rezonon, nek kaŭzon, kiu pravigas en la virino la priokupecon koncernantan viron.

Kiam mi diras virinon mi ne supozas la socian, sed la homan.

Ĉu vi povus prezenti al mi nur unu rezonon? Kia feliĉo, ĝin ricevi!

Kaj kiam mi ne akceptas ĝin rilate ĝenerala karaktero, ankoraŭ malpli, mi povas ĝin akcepti en homo de serena animo kaj pripensa rezonado.

Mi nescias ĉu vi komprenos la montritan sintezon, ĉar al mia plumo mankas kondiĉoj por pritrakti tiajn transcendajn aferojn; sed estas tio, kion mi sentis kaj, bone aŭ malbone, sed sincere, volas diri al vi.

Mia eklektikismo igis min tre bonvola kaj grandanima je ĉio, ĉar ĝia efiko estas tre potenca kiam oni obeas ĝin kore; sed kun ĉiaj tiaj malutilaj malgrandaĵoj, mi ne povas, neniel, esti grandanima kaj, malpli, ilin akcepti ĉe personoj posedantaj ecojn, kiuj ilin ornamas.

Estas necese, amikino, malaperigi tiujn ĉi moralajn barojn, kiuj difektas la belan trezoron en la virino: l' intelekto.

Vere via,

*Jako*

---

Propono adresata al Tutmonda Esperantistaro por fondo de l'

# Intenacia Banko de l' Diskonto kaj Informservo

projekto, proponita de

S-ro Nicolás F. Nicolaew

Diplomita de la Pariza Lernejo de l'Altaj Socialaj Studoj

E. S.

Ĉiu ideo, eĉ la plej bona kaj bela, bezonas pozitivan kaj praktikan fundamenton, por ekzisti kaj fariĝis efika kaj fruktodona. Alie, ĝi malaperos rapide aŭ restos nur teoria riĉeco de l' bibliotekoj. Por ke Esperanto povu disvastiĝi kaj posedi rajton de vivo reala, aktiva, ĝi devas montri ke per ĝi oni povas gajni, ke Esperanto estas utila, eĉ necesa. Mallonge, kiam homaro komencos havi realan profiton de nia ideo, tiam sukceso estas akirita!

Gvidata de tia ideo, mi eklaboris mian projekton, kiun mi elmontras, plimalsupren, principajn punktojn:

I. Kio estas Informservo?.—Iom da historio.—Ĝeneralaj elementoj de la nuna Informservo.—Novaj elementoj de mia Informservo.

II. Diskonto.—Profitoj kaj plibonaĵoj de mia projekto.

III. Novaj pagiloj.—Ĝia eldono, valoro kaj socia rolo.—Rilatoj inter la I. B. D. I. kaj Komerco.

IV. Laboro de pagiloj.—Kiel ili plimalaltigos prezon de nia ĉiutaga nutraĵo:

pano, lakto, viando k. t. p.—Ĝia socia utileco.

V. Utileco de l' I. B. D. I. por Komerco, Industrio kaj Informiĝo.—Kiel Komerciistoj kaj aĉetantoj gajnos per mia projekto.

VI. Rilatoj komercaj kaj financaj inter la diversaj I. B. D. .—Unuiĝo.—Kelkaj novaĵoj.

VII. Financa fako de mia projekto.—Kelkaj rimarkoj.

VIII. Ĉu I. B. D. I. estas realigebla?.—Jes, ĉar ĝi estar bazita sur realaj, ekzistantaj elementoj.—Provoj!

Tia estas, ĝenerale, mia projekto. Mi serĉas en ĉiu urbo kaj lando personojn pretaj fondigi I. B. D. I., kiu gajnigos ilin.

Kun samideana saluto,

*Nic. F. Nicolaew*

Adresiĝu vin al: *N. F. N.—Case Bourg de Four, n.° 689.—Genéve (Suisse).*

AVERTO

Ni sendas la revuon al ĉiuj Zamenhofanoj kaj ni rimarkigas, ke de la Centra Poŝtoficejo deiras perfekte pretigitaj ĉiuj specimenoj; certe la ricevantaj poŝtoficejoj estas kaŭzo por perdo.

---

# SPRITLUDOJ de NOVEJARQUE

Solvo de la Intermezo: KORIDORO - KORIDORO.
Solvo de la Zoologia Hieroglifo: SO-LITERO - SOLITERO

Sendis la solvojn S-ro Luis Rodríguez, P. Naranjo kaj J. Comella, el Madrido, Jerez kaj Vich respektive, kaj tiun de la intermezo S-ro I. Díaz el Tocina.

## VERBA SPRITLUDO

● ■ ★ — , □ ○ = Aprobi.

■ ★ — , □ ○ = Sonigi.

★ — , □ ○ = Aprobi.

— , □ ○ = Percepti.

## HIEROGLIFO: R

Solvoj en venonta numero.

# ANONCFAKO

Senpaga por la membroj de Zamenhofa Federacio kaj ĝiaj protektantoj

S-ro Benigno Luna interŝanĝos ilustritajn poŝtkartojn kun fremduloj. Adreso: strato Luisa Fernanda, 18.—Madrid (Hispanio).

---

La lernantoj de unugrada kurso esperanta ĉe «Aplec Esperanta Grupo» (Via Masague, 55. *Sabadell.* Hispanio) akceptas korespondadi kun ekster-kaj enlandaj gesamideanoj per leteroj kaj ilustritaj poŝtkartoj.

---

Jako Claramunt. Mariano Aguiló, 67, Barcelono (España). - Deziras korespondadi kun ekstereŭropanoj kaj hispanoj. Nepre kaj tuj respondas.

---

D-ro Casto Vilar.—Hotelo «La Peninsular», Placo S. Fernando, 20, Sevilla (Hispanio.—Interŝanĝados I. P. kun fremdaj samideanoj,

---

S-ro José E. Pedraz el *Santander* (Hispanio) strato Rua Menor, 32, deziras interŝanĝi pk., pm., esperantajn gazetojn kaj esperantajojn.

---

S-ro Nestor Alvarez, strato Mendizábal, 56. Madrid (España), interkorespondados per ilustritaj poŝtkartoj.

---

Svitberto J. Degenkamf. Betlehemweg, 36. Utrech (Nederlando).—Interŝanĝas P. K. I. montrantajn nur preĝejojn, ankaŭ esperantajn gazetojn.

---

A. Tomás Iglesias deziras korespondadi kun hispana samideano, sperta esperantisto, por perfektigi konon de la lingvo. Adreso: Compañía Industrial de Cereales, Apartado, 41.—*Santander.*

---

Aleksandro Mora; strato Serrano, 4, 1.° *Tarrasa* (Barcelona-Hispanio).—Volonte korespondados kun ĉiulandaj gesamideanoj, Ĉiam tuj respondos.

---

La gelernantoj de Portugala Esperantista Asocio Socialista deziras korespondadi esperante kun ĉiulandanoj per I. P. K. Adresu la unuan P. K. al profesoro, S-ro Jozefo Pires Barreira, R. de S. Marcal, 60.—*Lisbono.*

---

Filatelistoj! Jesús Ramírez, strato Cabestreros, 10 kaj 12, Madrid (Hispanio), tuj sendos 50-100 p. m. de Hispanio, Portugalio kaj Kolonioj iliaj al filatelisto sendinta saman kvanton da p. m. de militintaj landoj, de Afriko, Azio kaj Oceanio.

---

Luis Rodríguez Escartín, strato Ilustración, 8, Madrid.—Deziras korespondadi kun ĉiulandaj gesamideanoj.

---

Isidoro Díaz el *Tocina* (Sevilla-Hispanio) deziras interŝanĝi i. p. k. kun fremduloj.

---

S-ro Diego Aznar.—Str. Canalejas, CUEVAS (Almería).—Deziras karespondadi kun japanaj kaj hindaj gesamideanoj poŝtkarte aŭ letere, precipe pri popolmoroj.



Tip. Pasaje del Comercio, 8.—Madrid